## Tarifo de la abonprezoj.

| Landoj | Prezoj | |
|---|---|---|
| Angla | ŝil. | 3 |
| Argentina | pes. or. | 2 |
| Aŭstria | ŝil. | 5 |
| Belga | belgoj | 5 |
| Brazila | milr. | 5 |
| Bulgara | lev. bulg. | 100 |
| Ĉeĥoslovaka | kron. ĉeĥ. | 25 |
| Dana | kronoj d. | 3 |
| Estona | est. kr. | 3 |
| Finnlanda | mark. finl. | 30 |
| Franca | frankoj fr. | 18 |
| Germana | mark. or. | 3 |
| Greka | draĥmoj | 54 |
| Hispana | pesetoj | 4,5 |
| Hungara | kronoj or. | 4 |
| Itala | liroj ital. | 15 |
| Japana | jen. | 1,5 |
| Jugoslava | dinaroj | 40 |
| Litova | lid. | 7,5 |
| Latva | lat. | 4 |
| Nederlanda | gulden. | 2 |
| Norvega | kron. norv. | 3 |
| Pola | zlot. | 6 |
| Portugala | skud. | 15 |
| Rumana | lev. rum. | 150 |
| Rusa | kop. oraj. | 1,50 |
| Sveda | kron. sv. | 3 |
| Svisa | frank. sv. | 4 |
| Usona | dolaro | 1 |

Abonon por Int. Ped. Revuo sendu en nacia mono per registrita letero plej-eble pere de via landa agento al la administrejo.

Membroj de la germana asocio sendu la kotizon (4.— M: 1.— M por la germ. asocio, kaj 3.— M por Int. Ped. Revuo) al „Esperanto-Vereinigung Deutscher Lehrer". Girokasse Leipzig-Leutsch, Girokonto 27.857, membroj de la saksa asocio al k-go Schönherr, ĝiro Dresden 30.560, poŝtĉeko Dresden 112.617.

**Saksaj gekolegoj**

dankas la bonajn sukcesojn en sia lando krom la faka asocio ankaŭ al la Saksa Ligo, kiu ĉiam kaj ĉie agas por la celo de enkonduko de Esperanto en la lernejojn. Pro tio

Saksaj gekolegoj, aliĝu al Saksa Ligo!

Adreso: A. Naumann, Johannes-Allee 12, Großenhain, Sa. Kotizo kiel grupano gm. 1.20 po jaro.

## Agentoj de TAGE.

**Vian kotizon akceptas:**

**En landoj:**

Angla: F-ino Kate Hancock, 172 Sackville Rd., Hove, Sussex.

Aŭstra: Fr. Kurtisch, Sechshauser Str. 71, Wien XIV, poŝtĉekkonto B 72 487.

Belga: Prof. Paul Bouts, école norm. cath., Eirlemont. Poŝtĉekk. 118 656 Thienen.

Bulgara: Ivan Sarafov, Golemo-Selo, Kazanlika regiono.

Ĉeĥoslovaka: Albin Neuzil, lernejestro Olomouc-Neredin.

Ĉila: E. Herrera Valen, Clasificator 220, Santiago.

Estona: Agnes Nii, Postkast 6, Tallinn.

Franca: M. Boubou, 96 rue St. Marceau, Orléans-Loiret.

Germana: Esperanto-Vereinigung Deutscher Lehrer. ĝirokonto Leipzig-Leutzsch No. 27857.

Greka: D-ro A. Stamatiadis, Rodou 21, Ateno.

Hispana: Ferd. Montserrat, str. Villarroel 107, 2a, 2a, Barcelona.

Hungara: Librejo de H. E. S. L. (Bleier Vilmos) Ujpest, Virag--utca 9.

Japana: Joshi H. Ishiguro, Tokio, Koojimachi P. O. Box 1.

Java: K. Wirjosaksono, Klaten.

Jugoslava: Svetislav S. Petroviĉ, Beograd, Kosmajska 47, stan. 4.

Latva: S-ino O. Juŝen, Riga, Ernestines iela 7 dz. 11.

Litova: A. Prapuolenis, mok., Kazlu-Ruda.

Nederlanda: P. Korte, Hoofd der School, Drieborg (GR). poŝtĉekkonto: 90 544.

Norvega: Nils Okland, Rommesveit. Stord.

Pola: K. Majorkiewicz, Czersk-Pom., poŝtĉeka konto: PKO 202 100 (Poznan).

Rusa: Centra Komitato de Sov. Esperant. Unio (SEU), poŝtkesto 630, Moskvo.

Sveda: Ernfrid Malmgren, Heleneborgsgatan 6 Stockholm, poŝtĝiro 50 304.

Svisa: S-ino N. Oumansky, 4 Petites Delices, Ĝenevo.

U. S. A.-a: David R. Metzler, Route 1, Box 389, Fresno, Califor.

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

9-a jaro. Numero 5/6
Majo/Junio 1930

Oficiala organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

Redaktejo: D-ro KURT RIEDEL, Am Fuchsberg 2, Dresden A 20, Leubnitz-Neuostra.
Administr.: KARL KRÖBER, Weststr. 4, Riesa/Elbe, Germ., Poŝtĉekk. Dresden 110715
Sekretariejo de TAGE: M. GOLDBERG, Im Lumbsch, Oetzsch b. Leipzig, Germ.
Prezidanto de TAGE: G. W. ROOME, 21 Glenalmond Road, Sheffield, Anglujo.




## Voĉoj de l' homaro.

### Nur volu!

Hela, mirinda sonĝo — liberiĝo de l' proletoj . . .

Vi volas, laboruloj kaj kamparanoj de ĉiuj landoj, ke fea legendo de l' ekvarmigita imago kaj sopiranta koro transformiĝu en efektivaĵon?

Vi volas?

Do aŭdu, kion kantas al vi la suno, ŝtonoj, ventoj, ondoj kaj . . . tomboj de l' plej bonaj pereintaj viaj Kamaradoj:

— U-nu-i-ĝu! Per konkorda fortostreĉo vi forpelos la fatalan fantomon de militoj.

— Unuiĝu! Kaj malaperos tutaj urboj kun homojhakpecoj: senmanuloj, senpieduloj, lamuloj, blindigitoj, sennazuloj, senokululoj, surduloj, frenezuloj kaj ceteraj invalidoj-viktimoj de l' militoj.

— Unuiĝu! Kaj viaj patrinoj ĉesos naski filojn por la nesatigebla buŝego de l' milito; viaj manoj ĉesos konstrui sub vipoj de viaj superregantoj turmentilojn kaj mortigilojn.

— Unuiĝu! Kaj neniu devigos vin forĝi katenojn kaj ĉenojn por viaj propraj manoj kaj piedoj; konstrui malliberejojn por vi mem; domojn de malĉasto, kien oni vendas viajn filinojn; punlaborejojn, kie estas turmentigataj viaj infanoj.

— Unuiĝu! Kaj sangoverŝado malaperos.

— Unuiĝu! Kaj la frapanta en viajn pordojn skeleto de l' Reĝo-Malsato malaperos.

— Unuiĝu! Kaj vi forpelos malsanojn, eĉ maljunecon kaj tro fruan morton.

— Unuiĝu! Kaj la ekzekutistoj, viaj trompitaj fratoj kaj konsciaj krimuloj malaperos pro via volo, samkiel la blindaj elementoj de l' naturo.

Nur volu! Nur volu! Nur volu!

(E. Izgur, Nur volu! La festo de laboro kaj paco. Unuamaja kanto de ribelo. Eldono dua 1927. Eldona kooperativo de SAT.)

---

# Jafetida lingvoteorio kaj mondolingva problemo.

D-ro Kurt Riedel.

Malmultaj scias, ke la lingva genealogia arbo, kiun lingvistoj en la eko de la deknaŭa jarcento plantis, estas tre malfirma, kaj ke la tiel nomitaj leĝoj de sonaj transformiĝoj estas tute necertaj. En superaj lernejoj oni daŭras, instruadi la malnovajn hipotezojn kiel dogmojn. Tial estas bone, ke la lingvisto Nikolaj Jakovleviĉ Marr, membro de la Akademio de Sciencoj de U. S. S. R., eltrovis tute novajn lingvofaktojn kaj starigis modernan teorion.*)

Marr estas laŭpatrine kartvelo; la kartvela apartenas al la kaŭkazaj lingvoj, kiuj kun la baska ĝis nun ne trovis por si lokon en genealogia kaj morfologia sistemoj de la oficiala komparanta lingvoscienco. Estas interese, ke Kartvelio estis nomata pli frue „Iverio", videble parenca al la vorto „Iberio" (t. e. Pirenea duoninsulo). En sia artikolo „Naturo kaj ecoj de kartvela lingvo" (aperinta en kartvela ĵurnalo „Iverio" en Tifliso jam antaŭ kvardek jaroj) Marr konstatis parencon de la kartvela kun „familio" de la semidaj lingvoj. Poste li eltrovis tutan serion da lingvoj kun aparta postvivinta (relikva) karaktero. „Tiuj ĉi lingvoj povas estis subigitaj sub neniun el la grupoj, starigitaj de la oficiala lingvoscienco, kaj samtempe ili donas tute novan koncepton kiel pri origino de la homa sona lingvo, tiel ankaŭ pri ĝiaj grupiĝoj, internaj interrilatoj de la nun ekzistantaj lingvoj, ilia vera strukturo ktp."**)

Laŭ hipotezoj de Marr neniam ekzistis iaj ajn „unuecaj pralingvoj", komence ekzistis ne unu „pralingvo" kaj eĉ ne kelkaj „pralingvoj", sed ĝuste kontraŭe: „komence ekzistis multaj lingvoj, kiuj per interkruciĝo aliformiĝadis, kunfluiĝadis, reciproke glutiĝadis, denove disiĝadis."

„Montriĝis, ke ĉiuj homaj lingvoj kreskadis kaj kreskas el unu sola antaŭfonto — el kelkaj similaj sonaj kompleksoj; se do ili nun akre diferenciĝas unuj de la aliaj en struktura rilato, ĝi estas nur tial, ke unuj el ili atingis stadion de la aglutineco, la aliaj — stadion de la flektiveco, la triaj restis ĉe ilia komenca amorfa (senforma) stadio (radikeco)." (Laŭ la skizo de Andreev).

Marr nomis lingvojn de relikva tipo jafetidaj, la „hindoeŭropajn" prometeidaj; laŭlegende Prometeo estis filo de Jafeto, frato de Semo kaj Hamo

---

*) Rigardu la libron de Marr „Jafetida teorio", programo de ĝenerala kurso de la lingvoscienco, eldonita ruslingve en Baku, 1928.

**) Vidu „Revolucio en la lingvoscienco". Skizo de A. P. Andreev. Sennacieca Asocio Tutmonda, Leipzig 1929. (Biblioteko de Sennaciulo.) Pĝ. 10

En la skizo pri la jafetida teorio pritraktas Andreev ĉefe (vidu **) la prahistorion de la sona lingvo kaj morfologion kaj semantikon de la sona lingvo laŭ la Marr-a teorio.

Konforme al la moderna ekkono de socia prahistorio kaj al novaj kompleksopsikologiaj teorioj Marr asertas, ke primitivaj homoj ne interkomunikiĝadis per sonoj, sed per gestoj. „Longedaŭra sinjoreco de la mana parolo — multaj dekoj, se ne centoj da jarmiloj — estis kreadfonto de la pensoj kaj fortikigo de ilia laboro. Ĉe tio, se teknike tie ĉi agis la mano, ideologie dependis de la socio, — sekve finfine de la ekonomia strukturo, kiu estis efektivigata kvankam sen artefaritaj produktiloj, tamen per artefarita eluzo de naturaj objektoj de la ĉirkaŭanta fizika naturo." (Laŭvorte laŭ la teksto de Marr).

La unuajn signojn de la sona parolo Marr ligas ne kun ekonomiaj necesoj, sed kun religia kulto, kun magio. Magioj aplikadis tri praartojn: dancojn kantojn kaj muzikon. Danco estas esprimo per movoj, kanto estas esprimo per sonoj, muziko estas arto ambaŭspeca. Komence la kantado fariĝis sen vortoj, nur per sonaj kompleksoj elgorĝaj. Tiaj sonkompleksoj, aplikataj ĉe laborprocedoj, ekdisiĝis ĉiam pli kaj pli, „samtempe leviĝante el gorĝo en laringon kaj buŝon". Multon da tiaj difuzaj sonoj Marr trovis en abĥaza lingvo; ĝia alfabeto konsistas el 78 sonoj, inter ili estas du- aŭ tri-elementaj kompleksoj.

Tute konforme al moderna kompleksa psikologio Marr asertas, ke tiuj sonkompleksoj ne estis jam vortoj en nia kompreno, sed „sonaj totemoj". Kiam homoj ekkonsciis, ke sono, aldonita al objekto aŭ fenomeno, fariĝas sona korespondaĵo, signalo kaj kvazaŭ anstataŭiganto de tiu objekto aŭ fenomeno, tiam estis ekkonsciita la eblo de tia asocio. Tiu konscio naskis la homan sonparolon. Primitivaj homoj opinias tiun asocion tiagrade senpera kaj seninterrompa, ke homo, scianta noman totemon de iu objekto, besto aŭ homo, jam opinias, havi sub sia potenco tiun objekton, beston aŭ homon. Unufoje ekkonsciinte la eblon de tia signaliganta uzo de siaj gorĝsonoj, homo ekuzis ilin pli ofte kaj precipe en mallumo, en arbaro, kiam ne estis eble, vidi la aliajn.

Marr diras: „Grandega estis revolucia signifo de tiu momento, kiam la mano kaj la okuloj estis anstataŭigitaj per la aparato, kiu estis plene koncentrita en la kapo en senpera asocio kun la cerbo, en ĝia ĉirkaŭigo kaj rilato kun la buŝo kaj lipoj."

Famaj scienculoj en la 19-a jarcento opiniis, vidi la esencon de la disvolviĝo ĝenerale en procedo de simpleco al komplikeco — tiel Beneke, Comte, Spencer —, laŭ modernaj teorioj la evoluado male okazis. Ankaŭ Marr instruas: „Ĉio komplikita, sinteza, faska fariĝadis pli simpla, diferencigita, unuecigita" (laŭ Andreev).

Andreev citas jenajn vortojn de Marr: „La homaro kreis sian lingvon en procedo de sia laboro, en difinitaj sociaj kondiĉoj, kaj transkreas ĝin ĉe apero de la efektive novaj formoj de vivo, koresponde al la nova en tiuj ĉi kondiĉoj pensado. Evidentiĝas, ke naturaj lingvoj tute ne ekzistas: ĉiuj lingvoj estas artefaritaj de la homaro . . . La jafetida teorio instruas, ke la homaro ne komencis per unu sola lingvo, sed ke ĝi iris kaj iras de multlingveco al unulingveco de la tuta homaro."

Marr starigas novan genealogian arbon de lingvoj. Ĉe ties radikaro estas

mana parolo kaj primitiva sona lingvo. Sekvas lingvoj de sinteza tipo (kiel la ĉina), kontraŭe de tiu branĉo kreskas la ĥamidaj lingvoj, kiuj aperigas aglutinan kaj ankoraŭ pli multe sintezan naturon; krom ili debranĉiĝas la semidaj lingvoj. Kontraŭe de ili sekvas branĉo uralo-altaja, praforme postvivanta en la ĉuvaŝa lingvo (la ĉuvaŝoj loĝadas ĉe Volgo); al la uralo-altaja grupo apartenas turka, hungara-finna kaj mongola lingvofamilioj.

Super la semida branĉo kreskas el la trunko la nunaj jafetidaj lingvoj (la kartvela, baska k. a.); „ili haltis en diversaj ŝtupoj de sia evoluo kun evidenta konservado en si de la postvivintaj formoj de l' antaŭaj epokoj malgraŭ ilia ĝenerala alproksimiĝo al stadio de la hindo-eŭropa strukturo." La nuna kronaĵo de la trunko estas la hindo-eŭropaj lingvoj en fleksiva stadio.

Meze de la sinteza kaj fleksiva evolustatoj estas aglutina (algluanta) tipo. „En ĝi forestas finaĵo — la organikaj, nedeŝireblaj partoj de la vortoj, kies ĉeesto karakterizas la flektivajn lingvojn. En ĝi ekzistas apartaj memstaraj vortoj, kiuj, algluiĝante al ĉefaj vortoj de propozicioj, kiel iliaj aldonitaĵoj, montras iliajn interrilatojn en frazoj." La algluanta tipo estas bonege konata al la esperantistoj. Ĝin bone scias anoj de turkaj, uralo-altajaj, hungaro-finnaj, mongolaj lingvofamilioj. Gramatiko de tiaj lingvoj estas »travidebla«: Kvazaŭ en vitra abelujo vi vidas, kiamaniere la vortoj en propozicioj, por plenumi sian gramatikan rolon, kungluiĝas, ne ŝanĝante sian eksteran (sonan) formon, kaj tiamaniere formas kazojn de deklinacioj, diversajn verbajn formojn." Ĉiuj lingvoj estas miksitaj, ekzistas neniu, kiu prezentus tute puran tipon.

Eble pli grava ol la nova genealogia arbo de lingvoj estas la teorio Marr-a, laŭ kiu „ĉiuj lingvoj kreskis, disvolviĝis, transpasis en aliajn stadiojn kaj aliajn sistemojn ĉiam kaj ĉie rezultate de la kunkruciĝo". Sekve de tio „la sonoj de la homa parolo estas ne fizikaj kaj ankaŭ ne individuaj fenomenoj, sed fenomenoj sociaj, elkreskantaj el la socioj mem, el kiuj elkreskis ĉiuj niaj lingvoj". Do ĉiuj eŭropaj flektivaj lingvoj rezultis de kunkruciĝo de antikvaj enloĝintoj kun novaj alvenintoj.

Kuraĝe Marr aplikas sian sociologian lingvoteorion ankaŭ je gramatiko. Apero de la p r o n o m o j estas „gravega turna punkto en historio de la lingvoevoluo, komenco de la nova morfologia epoko — antaŭe la aglutina kaj poste la flektiva, kiuj anstataŭis la amorfan (sintezan). „La pronomoj aperas kune kun apero de la koncepto pri la propraĵo." La v e r b o aperis post apero de la pronomoj, ĉar konjugacio fariĝis ebla nur en asocio kun la pronomoj. Primitive estis konjunkcioj, adverboj kaj eĉ adjektivoj ankaŭ n o m o j. Vortgrupo „hundo kaj koko" estis primitive esprimata kiel „hundo frato koko". En moderna kartvela lingvo vorto „da" signifas ne nur „fratino" sed ankaŭ „kaj".

Marr skribas: „Fundamentan forton de la jafetida lingvoscienco konsistigas la semantiko, la instruo pri sencoj de la vortoj."

Refoje konforme al moderna kompleksa psikologio Marr asertas kontraŭe al laŭtradicia opinio, ke ne asocio de ideoj, sed disasocio de ideoj estas karakteriza trajto de la procedo rilate al perlingva sencevoluado. Ekzemple b i r d o j primitive estis konceptataj kiel ĉ i e l o aŭ ĝiaj partoj; montriĝis, ke nomoj de birdoj signifas propradire „ĉielo", „ĉieloj" kaj nur poste „ĉieletoj". La sama vorto signifis ankaŭ nuboj, lumigiloj, montoj, kapoj, komencoj, finoj k. s.

Adepto de la jafetida teorio diras: Ĝi „faras en la sfero de la lingvistiko la samon, kion faris la marksismo en sfero de la filozofio kaj sociologio: ĝi starigas la lingvosciencon de la idealisma kapo sur la materiajn piedojn."

El la konkludoj, kiujn Marr faras sur la bazo de sia nova teorio, du estas precipe gravaj: neceso, al ĉiuj lingvoj lasi liberan progreson, ĉar „la normala reciproka influo de ĉiuj lingvoj donas finfine regulan solvon al la plej granda demando de la tuta lingvoscienco — t. e. al la demando pri la sola estonta lingvo de la unuiĝanta homaro."

Kaj necesas, ke lingvistiko okupiĝas ne nur pri la pasinteco de lingvoj, sed ankaŭ pri la estonteco de la lingvo homara.

Por la skizo pri la jafetida teorio ni esperantistoj ŝuldas dankon al A. P. Andreev. Esperantigo de la ĉefverkoj de Marr estas tre dezirinda.

---

# Sociologia konsidero pri nova lernprogramo sovetia.

(Surbaze de Soveta Pedagogia Revuo 1929, n-roj 1—7, kaj de la speciala numero de La Nova Epoko, januara numero 1930.)

D-ro Kurt Riedel, Dresden.

Ĉu opiniante prava la sovetan edukon, ĉu opiniante malprava ĝin, scienca pedagogo nuntempe ne povas ne interesiĝi pri la grandioza eksperimento en Sovetio — el sociologia vidpunkto.

En ĉiuj ŝtatoj lernejaro estis kaj estas afero politika — diferencoj ekzistas tiurilate nur laŭgrade — sed ne ĉie pedagogio kaj politiko estas tiel konscie miksataj kiel en Sovetio nuna. IPR ne estas forumo, kie oni parolas pro aŭ kontraŭ iu ajn politika sistemo, sed organo scienca, en kiu sen kolero kaj fervoro pedagogiaj teorioj kaj faroj estas pritraktataj. La lernejaroj naciaj estas tre diversaj laŭ stato de ĝenerala kulturo; sed la pedagogio kiel scienco estas principe ĉie la sama. Je postulato de aŭtonomia pedagogio diferencas Internacia Pedagogia Revuo kaj Sennacieca Pedagogia Revuo.*)

Jen mi skizos rilatojn inter lerneja kaj ĝenerala soveta politiko kaj inter lernejo kaj ekonomio en Sovetio, fine la kontraŭreligian edukon en soveta lernejo.

La unua paragrafo de la projektata statuto de la Unueca Soveta Laborlernejo tekstas: „La Soveta Lernejo celas eduki la kreskantan generacion en komunista spirito kaj prepari el ĝi aktivajn partoprenantojn en socialisma konstruado kaj klasa batalado de l' tutmonda proletaro."[1])

Tiu celo estas pure politika, tute ne-pedagogia. Nun estas demandende, ĉu burĝaj lernejoleĝoj dekretas la celon lernejan ne ankaŭ pure politike. Enhavo celparagrafa en germanaj lernejoleĝoj el la 19-a jarcento estis tipe jena: La popollernejo havas la taskon, donaci al la junularo per instruo, ekzerco kaj eduko la fundamentojn de morala-religia formiĝo kaj konojn kaj scipovojn, bezonatajn en la praktika vivo.

---

*) Pro tio estus tute vane, se mi volus respondi al M. Boubou, kiu nomas mian pedagogian pensmanieron „maldekstre burĝeca" (Sennacieca Pedagogia Revuo, 1-a kajero, Marto 1930, pĝ. 28).

[1]) La Nova Epoko, Novembro 1929, pĝ. 37.

(Nepolitika, sed pedagogia estas la enhavo de la celparagrafo de la saksa leĝo de la jaro 1919: „La popollernejo havas la taskon, akceli la evoluon de l' infanaro per laŭplana ekzercado de korpaj kaj spiritaj fortoj sence de morala vivado, kaj edukadi ĝin por sindona devoplenumigo serve de la tuta socio.")

Ĉefe diverseco inter burĝa kaj soveta dekretoj pri la celo de la lernejo estas la fakto, ke burĝaj leĝoj esprimas kaŝe politikan tendencon, la soveta teksto malkaŝe.

Estas sociologie kompreneble, ke dum la epoko de proletara diktatoreco la ŝtata potenco uzas lernejon kiel ilon por sia granda celo. Nur en stato de relativa ekvilibro socia estas la ebla, realigi idealon de laŭpedagogia lernejaro. Pura pedagogio estas nepolitika; sed laŭpedagogia lernejo estas nur ebla je certaj kondiĉoj politikaj.

Sendube tre prosperas la lernejaro sovetia kompare al la stato en la cara Ruslando. Pro tio la sovetia lernejaro interesegas nin. La soveta lernejo estas parto de grandskala sistemo amaskleriga en Sovetio. Krom la lernejo efikas laŭcele: senliverec-likvida punkto, universitato, teatro, biblioteko ktp.

Laŭ artikolo de profesoro A. P. Pinkeviĉ pri „La fundamentaj bazoj de l' soveta pedagogio"[2]) la principoj de la tuta sistemo amaskleriga estas jenaj: Materialismo, dialekto, revolucia aktiveco, internaciismo (en soveta senco), sociutila laboro, politeknika karaktero, kunigo de instruo kaj produktiva laboro, komunisma moralo. Laŭ Pinkeviĉ tiuj trajtoj signifas esencon de „marksisma pedagogio".

Materialisma oni nomas tian klerigon pro ĝia kontraŭreligia tendenco. Dialekta oni nomas ĝin pro la tendenco, „instrui la homojn, vidi objektojn kaj fenomenojn dum ilia movado, dum ilia ŝanĝado, kun iliaj internaj antagonismoj"[2]). Internaciisma nomiĝas la soveta lernejo, ĉar „la civitano de USSR devas sin senti civitano de sia lando, defendanto kaj batalanto por la unua en la mondo ŝtato de l' proletardiktatoreco" (Pinkeviĉ). Revolucie aktiva nomiĝas la sovetia lernejo, ĉar „unu el la ĉefaj ĝiaj gvidideoj estas tiu pri edukado kaj instruado per ago, per laboro, dum procedo de viva laboro". Sociutila laboro estas karaktera trajto de la soveta lernejo, ĉar la lernantoj devas aktive partopreni komunan laboron de loĝantaro, ekz. sovetreelekton, pligrandigon de rikolto, plibonigon de higienaj kondiĉoj, likvidon de analfabeteco. Politekniko estas karaktera trajto de la soveta lernejo, ĉar el ĝi devas eliri „homo klerigita diversflanke, ne nur teorie, sed ankaŭ scianta la ĉefajn branĉojn de produktado kaj scipovante fizike labori en iuj el ĉi tiuj branĉoj". (Kontraŭe de kutima monoteknika preparado.) El la nomitaj postuloj stariĝas metoda tasko antaŭ geinstruistaro sovetia, nome kunigi instruadon kun produktiva laboro. (Vere grava problemo!) „La kreo de komunista ideologio, komunisma moralo sendube devas esti la rezulto de ĉiuj kaj ĉiuspecaj pedagogiefikoj."

La idealan esencon de la soveta lernejo Krupskaja priskribas jene: Lernejo estiĝu infana organizaĵo, „kiu estas ligita per komunaj travivaĵoj, per komunaj aspiroj, kie la infanaro sin sentas kiel kamaradoj, kie ili neniun

---

[2]) La Nova Epoko, Januaro 1930, pĝ. 92.

timas, nenion faras pro formo, kie ili sin sentas aktivaj membroj de soveta reĝimo, batalantaj kune kun plenaĝuloj por pli bona vivo"[3]).

Antaŭ sovetia registaro nuntempe staras la neceso, „kunkreskigi lernejon kun 5-jara plano de socialisma evoluado". La vivo vokas al giganta tasko. La metoda postulo al la instruistaro en Sovetio estas tre malfacila. Instruistaro sovetia samtempe devas plialtigi sian kvalifikon pedagogan kaj reorganizi la lernejon.

Ĝis nun oni solvis multajn problemojn per kruda empira vojo kaj — iufoje „nur per kabineta konjekto"[4]). Evidentiĝis, ke necesas, krei tian lernprogramon, kiu „senprokraste akiros varmajn adeptojn kaj defendantojn en plimulto de l' instruistaro"[5]).

Laŭ nova projekto dum la „tria jaro" de kvarjara kurso de la unuagrada lernejo, kiun infanoj vizitadas dum la 9.—12. vivjaroj, estu prilaboratajenaj kompleksaj temoj ĉefaj: I. Vilaĝo, II. Vilaĝo kaj urbo, III. Vintraj kaj printempaj revoluciaj datrevenoj kaj festoj; dum la „kvara jaro": I. La lukto de laboruloj en cara Rusio kaj Oktobra revolucio, II. USSR kaj kreado de socialismo.

Karaktero de la nova projekto estas akomodo de klerigado al postuloj de ekonomia rekonstruo. Alia ĝia karaktero estas bona kunligo de la propra medio kun la malproksima mondo. La subtemoj montras detale la akomodon: Rikolto kaj prilaboro de agrikulturaj produktoj; la vilaĝo kaj ĝiaj ĉirkaŭaĵoj; soveta potenco en la vilaĝo; laboro en la vilaĝo vintre; provincaj industriaj okupoj; la vivo de vilaĝo kaj partoprenado de infanoj en plibonigo de la vivkondiĉoj: tiuj subtemoj apartenas al la kompleksa ĉeftemo „la vilaĝo".

Jen la subtemoj al la ĉeftemo „USSR kaj kreado de socialismo" dum kvara lernjaro: USSR kiel unio de nacioj; agrikulturo en USSR; industrio en USSR; la superaj organoj de soveta potenco; USSR kaj kapitalistaj ŝtatoj.

Dum la prilaboro de ĉiuj subtemoj de la kompleksa temo „La vilaĝo" devas esti solvataj jenaj taskoj:

1. „Kompreni fundamentajn interrilatojn de la vivo: a) kiel dependas plibonigo de kampar-mastrumado de ĝia pligrandigo, maŝinigado kaj kolektivigo; b) kiel dependas evoluo de agronomio kaj hejmindustrio de naturaj kondiĉoj kaj de helpo socia kaj ŝtata; c) kiel dependas vivkondiĉoj vilaĝaj de agronomia tekniko.

2. Difini kelkajn plej esencajn mankojn de vilaĝa vivo kaj iliajn kaŭzojn.

3. Kompreni kiel komunista partio kaj soveta registaro penas, restarigi kampar-mastrumon, fari la vivon de vilaĝo sata kaj sana, klera, hela, kaj kion oni proponas, fari por tio.

4. Laŭeble fortigi kune kun vilaĝaj laborantoj la principojn de nova, pli bona vivo."

Jam en dua lernjaro (speciale dum printempa periodo) komenciĝas konatiĝo kun maŝinigado de agronomio, sed nur per perceptado de tio, kio okazas ĉirkaŭe. En tria lernjaro la infanoj provas klarigi konatajn faktojn kaj evidentigi ilian reciprokan kialon.

---

[3]) Soveta pedagogia revuo, Septembro 1929, pĝ. 2.
[4]) Samloke pĝ. 4.
[5]) Samloke pĝ. 6.

Sociutila laboro en tria lernjaro (do de dekunu-jaraj infanoj) celas, pligrandigi prisociajn konojn, komprenigi novan sociordon. Lernantoj ekkomprenu sociajn oficejojn kaj organizaĵojn de vilaĝo, ties farotaĵojn, parolas kun reprezentantoj de vilaĝ-soveto, de kooperacio, propagandas (laŭeble) novajn formojn de la vivo, komunikante al plenaĝa loĝantaro la sciojn, kiujn ili ricevis en la lernejo.

„En multaj lernejoj oni bone gvidas la laboron por sanigado de loĝantaro (vastigado de scioj pere de ‚anguloj de lernantoj' en vilaĝaj kluboj, organizado de hejmaj kuracilaroj, helpo por flegado de malgrandaj infanoj, lukto por higieno de korpo kaj loĝejo, lukto kontraŭ parazitaj insektoj — pedikoj, cimoj, blatoj, — zorgado pri bona stato de putoj ktp.), por klerigo de loĝantaro pere de vilaĝa legejo (disvastigo de ĵurnaloj, libretoj, afiŝoj), por helpo al laboro de vilaĝa soveto kaj kooperacio (skribado de invitiloj, anoncoj)."

Historiaj paraleloj al la lerneja reformo soveta estas la pedagogia plano de Isaak Iselin („Projekto de civitano pri plibonigo de la publika eduko en komercurbo respublika", Basel 1779) kaj de amasklerigа plano de Heinrich Pestalozzi en „Lienhard und Gertrud" (1781—1787). Sociologia komparo inter la lernejreformoj soveta kaj fruburĝa estus multinstrua.

Kontraŭreligia edukado en Sovetio estas necesa parto de kultura progreso, ĉar „religiaj servantoj semas malklerecon kaj malkulturecon, deflankigas la atenton de laboruloj for de la lukto por pli bona vivo sur la tero"[6]).

La naŭa paragrafo de la „Projektata statuto de la Unueca Soveta Laborlernejo" tekstas: „La instruado de iu ajn religia doktrino, plenumado de iu ajn religiaj ceremonioj kaj ĉiuj aliaj formoj de religia influo je la kreskanta generacio estas malpermesataj en la lernejo. Per tuta sia laboro la lernejo devas eduki materialisman mondkomprenon, tute liberan de iuj ajn elementoj de superstiĉo kaj religieco, kaj aktive batali kontraŭ religiaj influoj kaj sentoj, en kiu ajn formoj ili aperas."

Konsekvence, eble tro konsekvence? la soveta registaro kontraŭbatalas religion kiel danĝeran restaĵon de malnova vivmaniero krom alkoholismo, malsanitareco, diboĉado ktp.

„Evidente, ke pedagogiaj kolektivoj en procedo de tiu ĉi laboro havos konfliktojn kun apartaj familioj de gelernantoj. En neniu okazo la lernejo devas pro bonnajbaraj rilatoj al la gepatroj de la gelernantoj fuŝi sian kontraŭreligian laboron. La lernejo devas helpi, sin bazante sur la sovetaj leĝoj persekutadon de ĉiuj okazoj de kontraŭleĝa premo flanke de la religio je la gelernantoj kaj samtempe obstine disvastigi sendiecon per sia pedagogia propagando, konsultado kaj kultur-kleriga laboro meze de la gepatroj de la lernantoj kaj meze de la tuta ĉirkaŭa loĝantaro."[7])

Antireligia propagando estas enkondukata en kursojn biologian, fizikan, kemian, geografian, sociscienċan. „Sed ĉi tio ne sufiĉas. La instruisto de ĉiu lernobjekto devas subordi prilaboron de la antireligia materialo al la fundamenta tasko de la kontraŭreligia laboro, — al la tasko de klasbatalo en kondiĉoj de la kultura revolucio kaj socialisma konstruado."

Laŭ sociologiaj kaj psikologiaj faktoj estas supozeble, ke post tia rigora

---

[6]) Soveta pedagogia revuo, Septembro 1929, pĝ. 12.

[7]) Soveta pedagogia revuo, speciala kajero „Religio kaj lernejo" 1929, pĝ. 4.

batalo sekvos spirita reakcio, ĉar homa animo soifas al iluzioj, kiuj povas vuali krudan realon. Alie opinias sovetia potencularo: „La homo aliiĝas sian naturon en procedo de la laboro, en procedo de influo je la medio. Firmigo de la ‚sendieca' mondkoncepto estas ebla nur ĉe ekzisto de tiaj labormetodoj de la lernejo, kiam aliiĝo de la homa naturo okazos en procedo de aktiva partopreno de la infano en la komuna laboro." La problemo de tia aliiĝo estas ligita kun la tuta organizo de la kleriga laboro, „transformanta la scion en la konvinkon".

La ĉefa komitato por socia eduko ne malatentas emocian flankon de la kontraŭreligia klerigo. El ĝia metodika letero mi citas: „En fako de la kontraŭreligia laboro ekskluzivan signifon necesas doni al emocia elemento. Konforma belarta enformigo de la kontraŭreligia batalo emocie firmigas antireligian mondkoncepton ĉe la infanoj, vekas koncernajn sentojn kontraŭ la religio, kiel faktoro de la klasbatalo, kaj por la sendieco, kiel unu el moviloj de la nova vivo. Tial grandan signifon ni donas al problemo de belarta enformigo de kontraŭreligiaj vesper- kaj matenfestoj en la lernejo, al emociabunda klub-rondeta laboro ktp."

Tempo estonta montros, ĉu la rusa popolo estas povinta, transsaltegi multajn ŝtupojn de kultura evoluado.

---

# Muziko kaj amaso en Sovetio.

Rudi Wappler, Dresden.

La tuta muzika vivo en Sovetio plene respegulas la novan pensmanieron de tiu lando. Verŝajne la tutan artan vivon, sed precipe la muzikon, oni nur povas kompreni, se oni vidas antaŭ si grandegan edukan taskon. Tion klarigu kelkaj vortoj.

Rusa muziko estas juna en sia monda signifo. Kvankam nomoj kiel Tschaikowskij, Mussorgskij, Rimskij-Korsakow k. a. estas konataj en la tuta mondo, tamen la rusa muziko treege batalis pro sia ekzisto. Ĉar ĝis antaŭ nelonge mankis al ĝi firma kultura fundamento, kaj tre ofte plej altvaloraj fortoj trovis nur malgrandan rondon da interesuloj. Aliflanke ekz. la muziklernejoj estis fermitaj al multaj studemuloj el la popolo. Ĉambra muziko kaj simfonioj havis nur „sian" publikon, kaj tial tre ofte financajn deficitojn. Pasiva amaso preskaŭ ne partoprenis altvaloran artan muzikon, kiel ĝin reprezentas opero, simfonio kaj ĉambra muziko.

Tio ŝanĝiĝis radikale depost la revolucio. Pordoj antaŭe malfermaj nur al profesiaj muzikistoj kaj malgranda rondo da diletantoj, estas malfermitaj por ĉiuj. Antaŭ la nova reĝimo ekstaris la tasko, kaj satigi kulturajn malsatojn kaj veki el senintereso al tiu malsato. La tuta artokulturo ricevis nun grandan celon en Sovetio. Jen la e d u k a tasko, ĉar oni celas certan idealon, kio efektiviĝas en socia vivo. La muziko ne estu nur objekto de distro kaj estetika amuzigo por aparta rondo, sed ĝi estu e f i k a f a k t o r o d e p r o l e t a k u l t u r o, aŭ kiel Lenin diras „socia organizanto, kiu kunigas sentadon, pensadon kaj volon de la amasoj". Pli bone oni ne povas ekkoni la socian efikon de ĉiu muzikado.

Dum jardeko oni solvis la problemon. Montriĝas, ke eduka problemo en

Sovetio unuavice estas organiza-politika problemo. Do ekaperas nun la ŝajne simpla, sed granda postulo: Popularigu la artan muzikon inter la amasoj! Oni volas unuflanke plej eble vaste aktivigi muzike la amasojn, kaj aliflanke plej eble altigi la nivelon de la aŭskultantaj amasoj. Ekzistas ankoraŭ rondoj de personoj, kiuj celas nur la plej eble altan staton de la rusa muziko ĝenerale, sed tiu tasko ne estas ĉefa, ĝi estas nur necesa por plikvalifikado kaj kultura kunligo kun la okcidenta Eŭropo.

Karakterizaj por la eduka signifo de la problemo estas la ŝtataj institucioj, kiuj plenumu la supre cititan taskon. Ili kunigu plej altan ĝeneralan laborkapablon kun tiu tasko de popularigo. Ekzistas por ĉiuj laboroj de la artokulturo aparta oficejo, la „Ĉefa oficejo por arto“. En Februaro 1918 jam fondiĝis per dekreto de la komitato de popolkomisaroj la ŝtata akcia koncertkompanio „Soveta Filharmonio“ (Sofil). Nur ĝi rajtas inviti fremdajn muzikistojn. Ĝia plej grava laboro nun estas, okazigi koncertojn por la organizita laboristaro, t. s. por tuta anaro de fabriko aŭ de laborista sindikato. La ŝtato kreis kaj subvencias muziksciencajn instituciojn. Iliaj sekcioj por esplorado de popolaj instrumentoj kaj por esplorado de muziko kiel socia faktoro akcentas la novan edukan flankon. Oni serĉas rilatojn inter muzika sfero kaj socia vivo, kaj oni nature tre favoras la studadon de tiu problemo, kiu signifas unuan paŝon al kreo de marksisma muzikoscienco. Tie ĉi ne povas esti forlasata la „muzika sektoro“ de la ŝtata eldonejo, kiu nuntempe estas unu el la plej grandaj, profitdonaj tiaj en la mondo. Inter aliaj unu el gravaj laboroj nun estas la eldono de muzika literaturo por la amasoj. Muziko por amasoj ne signifu malpli alta valoro. Oni kontentigas dezirojn de laboristaj muziksocietoj per muzikaĵoj, kiuj estas kompreneblaj kaj prezenteblaj por ili, oni tie atentas precipe muzikon, kiu kaŭzas facilajn kaj rapidajn reagojn. Por pliekonomiigi la preparadon de muzikistoj ĉiuspecaj, oni tipigis la muziklernejaron, kaj ekzistas nun elementaj, mezaj lernejoj, muzikpedagogejoj kaj altlernejoj. La problemo estas la preparado de muzikpedagogo. Li ne estu fakulo, kiu majstras iun instrumenton aŭ la kantadon, sed li uzu sufiĉe bone kelkajn, precipe popolinstrumentojn.

Tio estis pli malpli la ŝtata flanko de la laboro, certe eduka, ĉar soveta ŝtato celas novan homon kun nova proleta kulturo. Ke la komencinta laboro jam sukcesis, pruvas faktoj. En Sovetunio ekzistas pli ol 4 000 grandaj laboristaj kluboj kaj ĉirkaŭ 35 000 tiel nomataj „Ruĝanguloj“, kiuj preskaŭ ĉiusemajne aranĝas koncerton. Ekzemple en Moskvo okazas pomonate minimume 500 klubkoncertoj krom la publikaj. En kelkaj provincurboj ekzistas konstantaj laboristaj operteatroj, kies ĉiuj anoj estas nur laboristoj preparitaj en muzikrondoj. Oni jam prezentis „Carmen“, „Eugen Onegin“, „Boris Godunow“ kaj aliajn operojn. La unuopaj sindikatoj havas proprajn orkestrojn simfoniajn el siaj membroj. Moskva sindikataro per sia kultursekcio aranĝas ĉiun sabaton kaj dimanĉon senkostajn koncertojn por laboristoj. Tre fame konata estas „Persimfans“, unua simfonia orkestro sen direktanto. Aktivaj diletantoj kaj societoj por la propagandlaboro verŝajne nuntempe plej efikas. Pli kaj pli oni ankaŭ penadas disvastigi la popolinstrumentojn, kaj jam formiĝis kelkaj akordion-orkestroj. Por ili kaj por ĉiuj diletantaj societoj la „muziksektoro“ de la ŝtata eldonejo eldonas malkarajn prilaboraĵojn de bona muziko.

Zorgeme oni nun reviziis la repertuaron de blov- kaj filmmuziko, ĉiam

estas granda disputo pri taŭgaj radioprogramoj. Oni ne forgesis la kamparanojn. La plej bonaj orkestroj kaj ĉambro-muziksocietoj koncertas antaŭ ili. En la komenco tie ĉi oni precipe atentas la popolkantojn. Etnografia literaturo, ankaŭ de malgrandaj nacioj, estas prilaborata en muziksciencaj institutoj kaj en la „muziksektoro".

Ne mankas en Sovetio necesaj konkuradoj ankaŭ sur muzika kampo. Fine estas rimarkinde, ke nun publiko ankaŭ vere partoprenas fekundan kritikon per demandfolioj kaj komisionoj el publikaj organizaĵoj kaj gazetaro.

Atingitan rezulton bone esprimas VOKS:

La muzika eduko de la amasoj en Sovetio jam ne plu estas utopio, sed praktika laboro por multaj jaroj kaj la ĉefa agado de mil muzikaj sociaj komunoj kun la parolo: La arto al la laboristoj! — kaj: La lastaj jaroj donis evidentan instruon al ĉiuj, kiuj ne kredis je la arta potenco de laboristaj kaj kamparanaj amasoj.

---

# Dua Internacia Pedagogia Kurso de Andreo Ĉe

**Arnhem (Nederlando), 17—29. Julio.**

La dua internacia pedagogia kurso de Esperanto sub la gvidado de pastro Andreo Ĉe estos aranĝata de la urbestraro de Arnhem, la fame konata belega ĝardenurbo de Nederlando, apud la Rejno.

La kurso daŭros dum la 17—29-a de Julio 1930, en 11 labortagoj, kun po 4 lernhoroj ĉiutage, sen uzo de nacia lingvo, sen lernolibroj kaj hejma laborado kaj kapabligos al facila konversacio en Esperanto pri ĉiutagaj aferoj.

La ĉefa celo de la kurso estos prepari Esperanto-instruantojn kaj diskonigi la sukcesplenan instrumetodon de Andreo Ĉe.

Ĉiu kursano ricevos de la urbestraro de Arnhem ateston pri la partopreno.

Dank' al malavara subteno de la urbestraro de Arnhem la kursanoj povos ĝui la jenajn favorojn:

1. 15 (dek-kvin) eksterlandaj gekursanoj estos gastoj de la urbo Arnhem, tio signifas, ke ili ricevos la loĝon kaj manĝon senpage dum la tuta kurso.

2. 60 personoj povos ricevi favorajn lokojn tiel, ke ili devos pagi por unu tago 4.— aŭ 5.— svisajn frankojn por kompleta pensiono.

La kursanoj, kiuj ĝuas favoron, loĝos en la belega Oolgaardt-domo, speciale fondita por konferencoj kaj kursoj. La domo kuŝas sur la alta bordo de la Rejno kaj donas grandiozan vidaĵon ĝis trans la germanaj landlimoj. Por la komforto de la gastoj la domo enhavas belajn legsalonojn, fluantan akvon, banejon kaj duŝejojn kaj malluman ĉambreton por foto-laboroj.

En la favoraj lokoj la dormejoj estas komunaj.

Por personoj, kiuj ne deziras favoran lokon, la kursestraro luas privatajn pensionojn je la prezo de 6.— sv. frankoj tage aŭ pli.

La kurslecionoj okazos matene. Dum la posttagmezoj kaj vesperoj oni aranĝos ekskursojn tra la ĉirkaŭaĵo de Arnhem, la plej bela regiono de Nederlando, kune kun la loka kaj regiona Esperantistaro. Krom tio okazos ekskursoj al la plej gravaj vidindaĵoj de Nederlando (Amsterdam, Hago, Utrecht, insulo Marken, sekigaj laboroj de la Suda Maro ktp.).

Partopreno en la ekskursoj estos laŭvola.

La kurso komenciĝos la 17-an de Julio matene je la 9-a horo en la urba knabina reallernejo kaj finiĝos la 29-an de Julio vespere per ĝardena festo.

Kursanoj, kiuj partoprenos la Universalan Kongreson en Oxford, povos forveturi el Arnhem la 30-an de Julio frumatene al Hago, dum la tago rigardi la vidindaĵojn de Hago, de tie posttagmeze forveturi al Rotterdam kaj vespere per ŝipo al Anglujo, kun la karavanoj.

En la kurso partopreni povas ĉiunaciaj profesiaj geinstruistoj, kiuj aŭ ankoraŭ ne scias Esperanton, aŭ jam scias ĝin, kaj krome personoj, kiuj okupas sin per instruado de Esperanto.

La kurskotizo estas 5 guldenoj, sendotaj kune kun la aliĝo al la kursdirekcio sub la adreso: S-ino Julia Isbrücker, Hago, Oostduinlaan 32. (Poŝtĉeka konto: Hago, 10866, J. R. G. Isbrücker.)

Aliĝante oni bonvolu komuniki la nomon, precizan titolon, adreson, deziron pri favora loko, ĉu jam esperantisto aŭ ne, precizan tempon de la alveno.

Limtempo por la aliĝo: la 1-a de Julio.

Estas konsilinde aliĝi kiel eble plej baldaŭ, ĉar la favoraj lokoj estos disdonataj al la frue aliĝintaj kursanoj.

Dum la 16-a de Julio funkcios akceptejo en la stacidomo de Arnhem.

Ni insiste petas, ke la esperantistaro bonvolu urĝe kaj vaste diskonigi la suprajn informojn al la geinstruistaro de sia lando, speciale per artikoloj en la instruistaj fakaj gazetoj.

Hago, la 25-an de Aprilo 1930.

La Organiza Komitato de la Dua Internacia Pedagogia Kurso de Esp.:
Julia Isbrücker, Oostduinlaan 32.

## Sukcesoj de Esperanto en Barnaul.

Penso pri ebla utilo al ceteraj esperantistoj, koni pri niaj sukcesoj, igis min verki la artikolon. Barnaul, urbeto en Sibirio, havas 112 ge-SAT-anojn kaj 70 SEU-anojn. Ne multaj urbegoj en tutmondo havas saman nomaron, 3—4, ne pli. Post la unua de majo en ĉiuj lernejoj de Barnaul estas decidita deviga instruado de Esperanto. Jes! Antaŭ miaj okuloj mi vidas oficialan paperon, parton el kiu mi nun tradukas.

„En multaj lernejoj de socia kaj metia klerigado ekzistas Esperantorondetoj, en kiuj partoprenas ne granda parto da lernantaro, aplikanta la lingvon por internacia edukado kaj kultura interlaborado kun eksterlando. Dum ne longa daŭro de sia agado la rondetoj atingis pozitivajn rezultojn je internaciaj interligo kaj edukado inter gelernantaro pri kiuj atestas la granda korespondado, organizo de ekspozicio“ . . .

La dokumento mencias multajn atingaĵojn, kaj daŭrigas: „Nei utilecon kaj gravecon de Esperanto je nuna stato de kultura movado neniu povas kaj oni devas ĉiumaniere subteni la movadon.“ Por la esperantistoj, ĉu tio ĉi ne estas plej longe atendata konfeso? Plue la dokumento mencias manierojn de rondeta laboro kaj agado, kiu ne estas same racia kaj utildona kiel per leciona instruado. Mi daŭrigas la citojn:

„Opiniante, ke la stato ne povas daŭrigi, Barnaula fako de popola klerigo al ĉiuj lernejestroj rekomendas: En tiuj lernejoj, kie jam ekzistas Esperanto-rondetoj, enprogramigi ilian lernadon je kutimaj lernhoroj, aŭ ĉiuj aŭ kelkaj klasoj, zorgante pri tio, ke ĉiuj emaj lerni Esperanton havu la eblon. La monrimedoj devas esti prenataj el la specialaj mono-sumoj.

Ni proponas ĝis 15-a de majo fari postulojn je instruistoj kaj sendi viajn opiniojn. Dum kunsido de ĉiuj lernejestroj (16. 4.) la demando estis pozitive subtenita de ĉiuj lernejestroj. De la 15. 5. la decido jam devas esti efektivigita." Estro de popolkleriga fako Barnaula estas k-ino Neĉaeva.

Kion oni povas aldoni al la dokumento? Nenion krom tio, ke jam en multaj lernejoj ankoraŭ ĝis la 15. 5. la decido jam efektiviĝis kaj Esperanto estas instruata kiel deviga lernobjekto. Salutu kaj danku, tutmondaj gekolegoj, helpu al ni, transformi Barnaulon je la unua Esperanta urbo. Montru ke vi ne estos trankvilemaj al niaj sukcesoj. Barnaul ja havas 85 000 loĝantojn, kaj la finkonstruita Turkestan—Sibiria fervojo aldonas al ĝi plian gravecon. Sendube la urba loĝantaro baldaŭ duobliĝos.

Jen mi citas alian dokumenton. 4-a tutdistrikta konferenco de M. O. I. R. (Intern. Ruĝa Helpo) decidis unuanime „rekomendi al ĉiu aktivulo de Internacia Ruĝa Helpo, lerni Esperanton, apliki, eluzi ĝin por internacia interligo kaj helpo al suferintaj revoluciuloj". Ankaŭ tie ĉi ni sukcesas, jam kelkfoje estis ricevitaj leteroj el eksterlando al la I. R. H.-komitato de gravaj organizaĵoj, unu eĉ subskribita de la edzino de revoluciulo Maks Helz. Ricevitaj el eksterlando leteroj estas presataj skribmaŝine kaj dissendataj al multaj ĉeloj kaj organizaĵoj.

Fine mi citas distriktan ĵurnalon „Krasnij Altaj" („Ruĝa Altajo"), kiu, tute akirita por Esperanto, presas jam 15-an lecionon de Esperanto, multegajn leterojn, artikolojn ktp. Unuamaja numero de la ĵurnalo estis ĝis duono plenigita per esperantaĵoj, unu letero eĉ estis kliŝita. Dum antaŭaj jaroj ni havis kaŭzojn, por plendi pri neatento kaj nefavoro de niaj sociaj organizaĵoj, nun ni vidas alion.

Gratulu k-don Goldfelder, kiu estas ĉefa „kulpulo" de la sukcesoj. Ekinterrilatu kun ni:

Sovetio Sibirio Barnaul „Dom Sojuzov" Esperanto. N. Ŝĉegolev.

---

## El la Esperanto-movado en Sovetio.

(Informoj laŭ Bulteno de Centra Komitato de Sovetrespublika Esperantista Unio CK SEU.)

En septembro 1929 SEU nombris 4523 aktivajn membrojn. El ili 908 estis abonantoj al la ruslingva „Internacia Lingvo". Oni varbis 895 membrojn-amikojn. La varboplano por tiu jaro postulis 5000 aktivajn membrojn. CK SEU mem prijuĝas sian staton: „Ni multe kaj bone sukcesis en la plenumado de nia varboplano, sed ni ne sufiĉe atentis la taskojn pri pliigo de la kvalifikado kaj pri la amasigo de nia SEU." Por la jaro 1930 la varboplano celas 8000 aktivajn membrojn-amikojn. CK SEU konstatas, ke SEU prezentas la plej fortan kaj la plej multenombran el ĉiuj land-organizaĵoj esperantistaj, ĉu laboristaj, ĉu neŭtralaj. Finance ĝi estas potenca. Oni treege akcentas, ke tiu bona stato nur eblas per ĉiama unueco!

Interesas certe la rimedoj por atingi la celon:

Estis presitaj por la vintra laboro 1929/30 en la eldono de CK SEU 30 000 esperantaj lernolibroj kaj 20 000 vortaroj. Estis presitaj ankaŭ la metodikaj helpiloj — la libro de Incertov, detale instrukcianta pri la laboro de SEU-ĉeloj, la libro de Ŝaber kaj Snejko pri apliko de Esperanto en internacia korespondado. Oni eldonis novmetodajn lego- kaj lernolibron.

Konkurado inter grupoj kun la celo de plejeble rezultplena laboro apartenas en Sovetio al socia devo. Depost septembro

1929 tiu nova laboro tre kreskis, kaj ĉiu bulteno raportas sur apartaj paĝoj pri la stato de la „socialisma konkurado". SEU donas kelkajn indikojn: laŭ la celo de SEU (utiligo de Esperanto por bezonoj de la klaso laborista kaj nur duavice disvastigo de Esperanto) oni fiksu ne nur varbotaskojn (duobligi la membraron, aŭ atingi iun precizan kvanton da membroj en la distrikto, kreskigi la laboristan kernon en la organizaĵo ĝis certa procento), sed ankaŭ la taskojn de Esperanto-utiligo (disvolvi internacian laboristan korespondadon, priservi per eksterlandaj leteroj certan nombron da murgazetoj, kunligi per Esperanto kun eksterlando certajn fabrikojn aŭ laborejojn ktp.). En la kontraktoj interkomitataj devas esti fiksitaj tute precize, per konkretaj ciferoj, tiuj taskoj.

Oni praktike partoprenas la efektivigon de la 5-jara plano de socialisma rekonstruo de la Soveta ekonomio: Brjanska SEU-organizaĵo alvokis, konstrui traktoron „Soveta Esperantisto" (prezo 1500 rublojn), kiu nun jam nomiĝas „Laborista Esperantisto", ĉar ankaŭ eksterlandaj esperantistoj mondonacis.

SEU montras, ke por la jaro 1930 ekzistas bonaj antaŭsignoj. Ni alie povas diri, ke oni jam multe da modela atingis:

Centra Komitato de Lenina Junul-Komunista Asocio Ukraina (CK LKSMU) rekomendas al laborista junularo kaj precipe al junul-komunistoj lerni Esperanton kaj konsideras necesa, ke junul-komunistoj plej aktive partoprenu en Esperantomovado.

Poŝtkomisaro de USSR eldonis du novajn poŝtmarkojn kun Esperanto-teksto.

Komunista Akademio en Moskvo interesiĝas pri la movado kaj organizas ĉe si fakon por studo de la problemoj pri lingvo internacia.

Ŝtata eldonejo de RSFSR presas du diversajn lernolibrojn de Esperanto, ŝtata eldonejo ukraina aperigas ukrainlingvan Esperanto-lernolibron de Rublov.

Ĉe la redakcio de ĵurnalo „Leningradskaja Pravda" funkcias laborist-korespondanta Esperanto-grupo, plenumanta internacian proletan interligon kaj aliajn taskojn, komisiatajn de la redakcio.

La sekvanta interesas precipe la pedagogojn:

En Moskvo ŝtataj kursoj de fremdaj lingvoj organizas ankaŭ kursojn de Esperanto kaj reklamas por ili.

Pedologia Katedro ĉe Kieva Instituto de Popola Klerigo laŭ raporto de profesoro Muziĉenko decidis komenci ĉe sia Metoda Sekcio studlaboron pri eduka valoro de Esperanto. Tiucele en laborlernejo n-ro 43 estas kreita eksperimenta rondeto.

De septembro 1929 en la Batuma 9-jara lernejo estas enkondukita, kiel deviga lernobjekto, instruado de Esperanto en la 8-a, 9-a kaj 10-a grupoj, po 2 horoj ĉiusemajne en ĉiu grupo.

Ĉe Leningrada universitato estas funkciigata katedro de supera Esperanto-seminario.

Ĉe la lingvo-instituto, gvidata de akademiano Marr, funkcias sekcio de internacia lingvo, sin okupanta pri sciencesploraj faktoj. SEU-ĉelo kreiĝis en Nikopola „Pedagogia teknikumo". El ĝenerala kvanto de studentoj, ĉirkaŭ 250 personoj, Esperanton lernas 120, dividitaj je kvar grupoj.

---

# Recenzoj.

E. Drezen, Historio de la Mondolingvo (Tri jarcentoj da serĉado). Elrusigis N. Hohlov, ĝenerale redaktis N. Nekrasov. La Nova Epoko, Oktobro 1928 — Marto 1930.

Ne estas refuteble, ke La Nova Epoko, la monata organo de Sennacieca Asocio Tutmonda, meritas laŭdon, esti foriginta egan mankon en la literaturo esperantista per aperigo de tiu verko unika, eĉ multe prilaborita kaj kompletigita per novaj faktoj kompare al la ruslingva originalo.

El du enkondukaj ĉapitroj leganto sen-

vole konatiĝas kun la nova materialisma lingvoscienco, kiun famaj lingvistoj en Sovetio energie kulturas.

Unue Drezen pritraktas la provojn kaj projektojn de universalaj lingvoj ĝis la 18-a jarcento, komencante ĉe la profeto Zefaniah. Nur en la 17-a jarcento komenciĝis kontinua evoluo de la problemo mondolingva, kiam iom post iom naciaj lingvoj flankenigis la mezepokan latinon. Pri la projektoj de Descartes al Leibniz kaj de ties posteuloj Drezen juĝas trafe: „Ili estis konstruataj laŭ la erara supozo, ke la tutan kvanton da homaj bazideoj oni povas fari el negranda kvanto da ideoj elementaj, aŭ ke oni povas krei iun absolutan klasifikon de ideoj, senduban kaj tute ekzaktan, sendependan de la persona plaĉo aŭ de subjektiva konsidero de apartaj eltrovintoj."

La aŭtoro penadis, por kontroli necertajn informojn pri lingvaj projektoj de Trithemius, Francis Bacon, Campanella, Andre, Hartlib k. a., sed la fontoj estas tro malfacile troveblaj. Laŭcela kunlaborado de diverslandaj esplorantoj rezultus pli riĉan rikolton. Ekzemple Drezen skribas: „Moser nomas inter la antaŭuloj de Leibniz iun André, pri kiu ni ankaŭ sukcesis eltrovi neniajn sciigojn." Tiu verkisto André estas la konata pedagoga kaj politika reformemulo Johann Valentin Andreä (1586—1654).

La laŭtempe unua libro, kiun Drezen inter primondlingvaj verkoj trovis, estas laboro de Herman Hugo el la jaro 1617. Estas interese, ke Hugo skribis: „La ĉinoj kaj japanoj, kies lingvoj estas tiel malsamaj kiel lingvoj hebrea kaj belga, tamen havas librojn kaj skribaĵojn, kiuj estas libere legeblaj kaj kompreneblaj por la ambaŭ nacioj, dank' al sameco de la signoj." (Per jezuitaj misiistoj eksciis eŭropanoj iom pri la ĉinaj skribo kaj lingvo. La libro de Hugo estas dediĉita al iu jezuita provincialo.) Multaj eltrovintoj de universala skribo trovis nebezone, anstataŭi ciferojn aŭ signojn pazigrafiajn per facile prononceblaj literoj. Drezen diferencigas pazigrafiojn filozofian kaj empirian; filozofia estas pazigrafio," se la ordo, donita al la ideoj, celas sekvi certan logikan klasifikon". (La termino „pazigrafio" aperis nur en la jaro 1797.)

Detale priskribas Drezen la sistemon de filozofia lingvo de angla pedagogo Dalgarno (Descartes-ano) kaj la proponon de empiria pazigrafio de germana reformulo Johann Joachim Becher (1635—1682). Drezen laŭde honoras la anglan episkopon Wilkins kiel eltrovinton de grandioza kaj harmonia sistemo de filozofia skriba kaj parola lingvo. „Wilkins montris ĉiujn malfacilaĵojn de la gramatikoj de la ekzistantaj lingvoj kaj speciale la malfacilaĵojn de la gramatiko latina. Tial li opiniis sia plej necesa tasko — ellabori rigore filozofian gramatikon, mankantan en la scienco, citante la nomon de Bacon, kiu samtempe kun Campanella prilaboris sistemojn de logika klasifiko."

El la simpligita latina lingvo la franca jezuito Labbé volis krei mondolingvon. (Aldone mi mencias, ke la granda hispana humanismano Vives en sia verko „De disciplinis" en la jaro 1532 skribis: „Estus avantaĝo por la homaro, se ekzistus nur unu sola lingvo, kiun ĉiuj popoloj povus apliki . . . Tiu unueca lingvo estu bonsona, bonformita kaj esprimriĉa . . . Pereus iam la lingvo latina, tiam rezultus el tio konfuzego en ĉiuj branĉoj sciencaj kaj artaj kaj grava fremdiĝo inter la homa gento." (10. libro.)

Unu kaj duona jarcentoj pli malfrue skribis Bernard Lamy jenajn saĝajn vortojn: „Mi pensas ke la intenco de tiuj, kiuj volas proponi novan lingvon, estas, ke tiu ĉi lingvo havu malgrandan nombron da vortoj. Ĉiu el la vortoj, sisteme signita, permesos derivi la aliajn vortojn rilatantajn al la unua. La vorto ne havos deklinaciajn ŝanĝojn, apartaj vortetoj montros la gramatikajn ŝanĝojn kaj la tri genrojn. Ekzistos nur du konjugacioj:

unu por aktiva, alia por pasiva modoj . . . La tuta gramatiko de tiu lingvo estos facile lernebla en tre mallonga tempo."

La ĉapitron pri la 18-a jarcento Drezen komencas per la diro de Voltaire: „Diverseco de la lingvoj estas unu el la plej grandaj malfeliĉoj de la vivo." El la unua duono de tiu jarcento estas notinda la propono de la pseŭdonima Carpophorophilus en la germana scienca ĵurnalo „Acta Eruditorum" (1732). La aŭtoro postulis: La universala lingvo devas esti simpla, klara kaj sen esceptoj; li rekomendis respektivajn korektojn en la lingvo latina. Li proponis, akcenti antaŭlastan silabon, formi la kazojn per prepozicioj, la multenombron per finiĝo im. Tiu skema projekto estas laŭtempe la unua aposteriora sistemo de artefarita lingvo (verŝajne).

Meze de la 18-a jarcento aperis inter aliaj skemo de universala lingvo de la fama franca geometro Mopertuis (1756) kaj kritika traktato pri la lingvoproblemo de Michaelis, la lasta de l' aŭtoro prezentita al la Prusa Akademio (1759). Mopertuis tre klare skribas, ke filozofia sistemo de universala lingvo sendube havos neniun sukceson, ĉar la filozofiaj perceptoj kaj esprimoj de Descartes estus fremdaj kaj nekompreneblaj por la pli malfruaj Newton kaj Lock (laŭ Drezen). Jena alineo estas tre notinda: „Se ĉiuj substantivoj havus unu finiĝon; se la nombrojn kaj kazojn (genro ne estas atentinda) karakterizus ĉiam la samaj literoj, anstataŭantaj niajn deklinadojn; se ĉiuj adjektivoj havus unu konstantan finiĝon, kaj la adverboj — alian; se ĉiuj verboj havus unu infintivon, aldonante al kiu apartajn literojn, oni povus formi ĉiujn tempojn; se ekzistus iu simila lingvo — ĝia tuta gramatiko prezentus el si tre malgrandan nombron da reguloj. Ĉiuj vortoj estus facile kompreneblaj pro siaj konstruo kaj finiĝo. Sendube, tiu lingvo estus nekompareble pli facila ol ĉiuj lingvoj modernaj. Pere de la gramatiko, kiun oni povus akiri dum unu horo, kaj kun bona vortaro — oni povus legi, kompreni kaj skribi en tiu lingvo."

La disertaĵo de Michaelis estas dediĉita al analizo de la demando: ĉu estas inventebla scienca lingvo? Michaelis nur vidis eblon, solvi la mondolingvan problemon laŭ aprioria metodo, sed antaŭvidis ankaŭ, ke ĉiam novaj ideoj kaj novaj konceptoj rezultos novajn lingvoformojn. Tial li opiniis neebla la starigon de la tutplena vortaro.

Ankaŭ francaj enciklopediistoj pripensis la eblon, krei racionalan aposteriorian lingvon. Rilate al Esperanto interesas la artikolo de Faiguet en la fama Enciklopedio de la sciencoj, artoj kaj metioj (1765), el kiu Drezen resumas: „La nova lingvo, laŭ opinio de Faiguet, devas havi nek artikolojn, nek diversecon de la genroj. La adjektivoj, simile al la adverboj, devas esti neŝanĝeblaj. La substantivoj en la multenombro finiĝas per s. La kazojn anstataŭas prepozicioj. La personaj pronomoj: jo, to, lo, no, vo, zo. La verboj ŝanĝiĝas laŭ la tempoj, sed restas neŝanĝataj laŭ la personoj kaj nombroj. Estas rimarkindaĵo, ke la verbaj finiĝoj: de tempo estanta -as, pasinta -is, estonta -os, participo -ont- koincidas kun la formoj, tute memstare akceptitaj multe pli malfrue por la lingvo Esperanto."

En la tre reformema lasta deko de la 18-a jarcento aperis kelkaj gravaj projektoj de universala lingvo. La germana fizikisto Berger starigis principojn por la konstruo de racionala pazigrafio, li postulis: „Kiu volus krei perfektan skriban lingvon, tiu devus antaŭe krei perfektan parolan lingvon." Skriban kaj parolan lingvon kreis F. A. Gerber en Germanlando; jen ekzempla frazo: „bonai vinai a bonaif vinaif data bonain potain e filetain tostain." (Esperantlingve: „Bonaj vinoj al bonaj vinoj donas bonajn trinkaĵojn kaj belajn tostojn".)

La franca civitano Delormel prezentis al la Nacia Konvencio projekton de universala lingvo sence de helpa lingvo. —

Respektinda loko en la historio de la pazigrafiaj eksperimentoj apartenas al Maimieux; li nomis la universalan skriban lingvon unuafoje „pazigrafio". El dekdu signoj li kombinis po tri, kvar aŭ kvin. La vortoj el tri signoj prezentis per si interjekciojn kaj neŝanĝeblajn vortojn (prepoziciojn, adverbojn, konjunkciojn), la vortoj el kvar signoj esprimojn por objektoj, agado kaj abstraktaj ideoj, kaj la vortoj el kvin signoj esprimis ĉion alian. Aldonaj signoj (punkto, komo, streketo ktp.) indikis la gramatikajn ŝanĝojn. Lia gramatiko konsistis el dekdu reguloj.

Returnrigardante sur la 18-an jarcenton, Drezen diras: „La ideo de universala lingvo pli kaj pli enpenetris la konscion de la homoj. Praktike estis elprovitaj ĉiuj eblaj vojoj por ĝia ebla konstruo: 1. pazigrafia, 2. aprioria-filozofia kaj eĉ 3. aposterioria-eksperimenta. Por la propagandistoj de la universala lingvo en 19-a jarcento restis nur elekti la plej perfektan kaj praktikan vojon kaj kuraĝe ekiri ĝin."

En la kvina ĉapitro Drezen skribas pri multaj negravaj laboroj el la periodo 1800 ĝis la naskiĝo de Volapük (1878). Kelkaj aŭtoroj ligis la problemon de universala skribsistemo kun tasko, krei pergestan lingvon por surdomutuloj.

Stranga estis la provo de J. Sudre, krei universalan lingvon per muziknotoj, premiita ĉe la tutmonda ekspozicio 1855 per 10 000 frankoj. Kvar jarojn post la morto de Sudre estis publikigita plena lernolibro kun vortaro de la muzika lingvo „Solresol" (1866), en la jaro 1886 en la dua eldono.

Meze de la 19-a jarcento la aŭtoroj de aposterioriaj lingvoprojektoj hontis, presigi tiel nomitan „kripligon de la ekzistantaj lingvoj"; estis epoko de historiismaj skoloj. Sur la bazo de la franca lingvo J. Schipfer en Germanlando konstruis komunikajn helplingvon, simpligante gramatikon kaj ortografion (1839).

Per ciferoj por vortradikoj kaj per 60 signoj por gramatikaj ŝanĝoj kreis A. Renzi, profesoro de l' itala lingvo en Parizo, „ilon de interkompreno" (1840).

La unua aŭtoro, kiu akceptis por la nomo de sia lingvo la vorton „internacia", estis C. Letellier; li verkadis en la jaroj 1852—86 je filozofia mondolingvo.

Drezen skribas, rigardante la lastan periodon: „Ĉe la mezo de 19-a jarcento ni devis konstati ĉiam pli grandiĝantan penetron de la ideo mondolingva en ĉiam pli kaj pli vastajn amasojn de la socio. La kresko de la intereso al la ideo de universala lingvo povis esti klarigita per du kialoj: per la eksterduba kresko de la bezono de tia lingvo kaj ankaŭ per tio, ke ĉe la mezo de la 19-a jarcento la esplorantoj de diversaj formoj de universala lingvo jam preskaŭ tuŝis la sojlon de la rekta solvo de la problemo — la konstruan formon de la lingvo, kreita laŭ la formoj kaj modeloj de lingvoj naturaj." En rezolucio de la dua kongreso de Unua Internacio 1867 en Lausanne tekstas: „La kongreso opinias, ke universala lingvo kaj reformo de ortografio estus komuna bonfaro kaj treege akcelus la unuiĝon kaj fratecon de la popoloj."

Estu menciate, ke en la jaroj 1856—58 ekzistis en Francujo internacia lingvista societo.

La tutan sesan ĉapitron Drezen dediĉas al la universala lingvo Volapük, komencante ĉe la starigo de universala alfabeto de katolika prelato Johann Martin Schleyer en bavaria vilaĝo. Tiutempe penadis krom aliaj eĉ la fama lingvisto Max Müller, krei universalan alfabeton. Detale pritraktas Drezen la gramatikon kaj la vortaron de Volapük, ties disvastiĝon, la kongresojn volapükistajn, malprogreson kaj fiaskon. Lia kritiko estas trafa:

„La sukceso de Volapük estis kaŭzita de tio, ke ĝi ŝajne kontentigis la maturiĝintan akre senteblan bezonon, havi internacian interkomprenilon, sed ĝia praktikado kaj aplikado montris kelkajn ĝiajn malperfektaĵojn, kiuj fine alkondukis ĝin

al fiasko. Ĝia gramatiko estis tro ŝarĝita per superfluaj formoj, malfaciligantaj la lernon de la lingvo. Ĝia kompleta artefariteco rilate la elekton de gramatikaj formoj pligrandigis ĉi tiun malfacilecon. La kripligitaj vortoj de la eŭropaj lingvoj ankaŭ estis tre malfacilaj por lernado. Kian gradon atingis ĉi tiu kripligo, oni povas juĝi laŭ tio, ke eĉ la vorto propra Portugalio estis volapükigita kiel Bodugän."

La sepan ĉapitron Drezen surskribas „Miksitaj projektoj de artefaritaj lingvoj post Volapük (1880—1907)" kaj enkondukas ĝin jene: „Esploristoj-fantaziuloj, glorĉasantoj, enviintoj de Schleyer, seniluziiĝintaj volapükistoj, ĉiuj intermiksite daŭrigis publikigi ĉiam pli novajn kaj novajn projektojn de artefaritaj lingvoj de ĉiuj specoj kaj sistemoj."

Unue li traesploras la pazigrafiajn sistemojn, menciante ankaŭ la decimalan klasifikan sistemon de Internacia Bibliografia Instituto.

Due Drezen analizas la projektojn de filozofie aprioriaj mondlingvosistemoj el la periodo 1880—1907, pli aŭ malpli pritraktante dekkvar laboraĵojn plejparte senvalorajn. Poste Drezen sin turnas al „miksitaj" proponoj, plejparte kreitaj de franclingvaj aŭtoroj; Germanujo donis en tiu periodo preskaŭ nur projektojn filozofiajn kaj aprioriajn. Drezen citas dekkvin aŭtorojn de „miksitaj" sistemoj.

Trie li priskribas proponojn, akcepti lingvojn latinan, antikva-grekan aŭ iun alian mortintan lingvon, sesfoje estis elektita la antikva greka, dekdufoje la latina, pli aŭ malpli simpligita kaj reguligita. Kvare pritraktas Drezen simpligitajn sistemojn de lingvoj vivantaj: de la angla, franca aŭ itala.

La sekvanta ĉapitro estas dediĉita al la projektoj de internaciaj aposterioriaj lingvoj el la periodo 1880—1907. „La plifortiĝo de intereso por la problemo de internacia lingvo kaj kontraŭstaro al la troaj artefariteco kaj originaleco — kondukis al kreo de kelkaj internaciaj aposterioriaj lingvoj, en kiuj la vortaro kaj gramatiko estis faritaj el formoj internaciaj, komunaj por tuta grupo de la lingvoj de civilizitaj popoloj."

Antaŭ Esperanto estis eldonita la saman jardekon ses projektoj, post Esperanto ĝis la jaro 1907 ankoraŭ ĉirkaŭ tridek. Drezen skribas: „Doninte la historion de la aposterioriaj projektoj de la periodo 1880—1907, ni venis proksime al la nuntempaj formoj de novlatinaj artefaritaj lingvoj. Celado konservi la naturajn formojn de la lingvo, kondukanta al ripetado de la esceptoj, malregulaj gramatikaj formoj kaj vortfarado de lingvoj naturaj, estis komprenebla reakcio kontraŭ la abundeco de artefaritaĵoj kaj elpensaĵoj en Volapük."

Nun Drezen dediĉas ĉapitron al la Akademio de la tutmonda lingvo Volapük kaj ĝiaj heredintoj kaj la novlatinaj kaj novromanaj projektoj de universala lingvo en la periodo 1893—1925. Volapük estis fonto por serio da lingvoj, portantaj supernaturan, superlatinigitan aspekton, nome Idiom-Neutral (1898) kun la gazeto „Progres", Latino sine fleksione de konata itala matematikulo Peano (1903), Idiom Neutral reformed de Rosenberger kaj Wahl, Interlingua (modifita „Latino sine fleksione"), Eulalia de slovena pastro Ŝkrabec (1908), Romanal de Michaux (1909), Semilatin de Moeser (1910), Lingua perfekt de Hartl (1909 ĝis 1914), Novi latine de Ernst (1910), Simplo de Ferranti (1911), Fraternitat de del Monaco (1912), Interlatino de (1912), Reform-Neutral de Rosenberger (1912), Ro de Forster (1917), Nov latin logui de Pompiati (1918). Corintic (1908) kaj Extra lingua (1918) de Miller, Latinulus de Martellotta (1919), Interlingua Systematic de Rossello (1922), Mundolingua de Starrenburg (hispano) (1922), Linguo Romana Universali de Slonimski (1924), Latino viventi de Fibula (1925), Unilingue (1923) kaj Monario (1925) de Lavagnini, Auli (1909) kaj Occidental (1922) de Wahl (gazeto Kosmoglott),

Cosman de Milner (1927), Novial de Jespersen (1928), Novam de Touflet (1928).

La teoria evoluo de la novlatinaj projektoj kondukis al preskaŭ unuforma universala lingvo de la okcident-eŭropa kulturo. Drezen diras pri tiuj novlatinaj sistemoj: „Por la vastaj popolamasoj, kiuj bezonas teknike pli perfektan kaj laŭeble mekanigitan interkomprenilon, la neregulitaj formoj de la arkaika latino estas malakceptindaj kaj esence fremdaj.“

En la deka ĉapitro li traktas pri Esperanto, la delegitaro por akcepto de internacia helpa lingvo, Ido kaj sekvintaj reformaj projektoj en la periodo 1900 ĝis 1926. Kontraŭe de la aŭtoroj de novlatinaj sistemoj Zamenhof prenis nur relative malgrandan nombron da vortoj senpere el la latino. „Ĝenerale en Esperanto preskaŭ 40—60% da vortoj estas kompreneblaj por ĉiu ruso, sen lernado. Koncerne la popolojn latinidajn tiu ĉi procentaĵo altiĝas kaj atingas 80%.“ Jam en la jaro 1907 oni povis konsideri Esperanton la sola praktika sistemo de lingvo internacia.

Tre detale Drezen priskribas la „skismon en la Esperanta movado“, la Idomovadon kiel „surkreskaĵon sur la movado esperantista“. Ne pli ol 15% el la tuta gramatiko kaj vortara materialo de Ido diferencas de Esperanto. „La malgraveco de tiuj diferencoj estas pruvo, ke per la formoj de Esperanto la tasko ĝenerale estas korekte solvita kaj ke Esperanto estas tre proksima al la fina idealo de la universala helpa lingvo.“

Ĉirkaŭ duona cento da reformoprojektoj je Esperanto kaj Ido estas menciataj kaj plejparte mallonge karakterizataj en tiu ĉapitro. Ne sen rideto ni legas: „Grandega kresko de la kvanto da reformprojektoj ne povis ne kaŭzi naturan incitiĝon inter la gvidantoj de la Idomovado, kiu tiamaniere ricevis tutan vicon de neatenditaj konkurantoj.“

Laŭ Drezen la internacia Ido-asocio havis en la jaro 1923 ne pli ol 600 membrojn. „En Ido aperas nur 7—9 gazetoj, kelkaj el ili — unufoje dum du monatoj, kun amplekso je 4—8 paĝoj de malgranda libra formato. Tiuj gazetoj ekzistas ne el la abonrimedoj, sed el diversaj subvencioj kaj donacoj.“ (La premio de Nobel, kiun profesoro Ostwald ricevis, grandparte venis tra la manoj de Couturat por propagando de Ido.)

„La jaro 1926 estis kriza jaro por la Ido-movado. La ĉefaj Ido-gazetoj vidis la riskon de plena ĉeso, kaj inter la idistaro elkreskis fortaj skismaj tendencoj.“ En la iama Ido-gazeto Mondo nun aperas ankaŭ artikoloj en aliaj novlatinaj kaj novlatinidaj internaciaj lingvetoj. (Depost la jaro 1928 estas eldonata poreksperimenta revuo mondolingva „Tolero“ [redaktoro G. Dayras, Paris]; preskaŭ ĉiumonate nova sistemeto tie prezentas sin).

Drezen opinias, ke la kvar ĉefaj sistemoj — Esperanto, Ido, Occidental kaj Interlingua — enkorpiĝas en si ĉion, kion donis la aposteriora-natura metodo de la konstruo de universala lingvo. „La ceteraj projektoj prezentas per si apartajn variaĵojn kun malesencaj diferencoj. Sed la amatoroj-teoriuloj ne povas sin kontentigi per atingitaj rezultoj. Ili daŭre ellaboradas ne nur kompromisajn, aposteriorajn sistemojn, sed ankaŭ sistemojn tute originalajn, malsamajn de la antaŭe publikigitaj kaj bazitajn ne sur la principoj internacie-aposterioriaj.“

En la dekunua ĉapitro li faras mallongan revuon ankaŭ de tiaj projektoj, komencante ĉe la proponoj, simpligi naciajn lingvojn. Ekzistas novaj proponoj de simpligitaj lingvoj angla, germana, hispana, skandinavaj. Tiuokaze Drezen mencias provojn de interslava lingvo.

Ankaŭ kelkaj mondolingvaj projektoj plene aprioriaj aperadis en la 20-a jarcento. Eĉ pazigrafioj aperas en nia tempo.

Fine li pritraktas projektojn de miksita tipo, ĉirkaŭ dudek. Li finas sian revuon jene: „La ideo de universala artefarita lingvo venis en sia evoluo ĝis la finaj

punktoj de teoria prilaboro. La estonteco devas aparteni al la praktika efektivigo de tiu ĉi ideo kaj al ĝia enkonduko en la realan internacian vivon.“

En la du lastaj ĉapitroj li skribas pri la internacia vivo antaŭ kaj post la granda milito. Drezen trafe diras: Por la praktiko de la mondolingva movado ne estas gravaj la rondetoj de la lingvoamatoroj, la organizaĵoj idealiste-utopiaj, „sed tiuj institucioj kaj organizaĵoj, kiuj, persekutante iujn specialajn taskojn, efektivigas tiujn ĉi taskojn mondskale, uzante la internacian helpan lingvon.“

Drezen diferencigas tri etapojn en la evoluo de internacia lingvo: 1. la libera ellaboro de la projekto, 2. la kresko de la movado kaj de ĝiaj adeptoj, ties organiziĝo kaj praktika aplikado de la lingvo kaj 3. praktika aplikado kaj utiligo por la bezonoj de la internacia tuthomara vivo. Esperanto la sola inter ronda duonmilo da projektoj, citataj de Drezen, leviĝas nun al la tria etapo.

Leginte la Historion de la mondolingvo, mi vidas Esperanton kiel la solan realan domon kaj ĉiujn aliajn sistemojn kiel konstruskemojn aŭ gipsajn dommodelojn.

Aperigo libroforma de la verko Drezen-a estas treege dezirinda.

*

L a L i b e r v o l a H e l p - S e r v o en la inunditaj regionoj de Liĥtenstejno kaj Svislando. — 2-a de Aprilo ĝis 5-a de Oktobro 1928. Eldonita de la konstanta komitato por la Libervola Help-Servo. 72 paĝoj. Prezo sv. fr. 1.—. Mendebla ĉe „Freiwilliger Hülfsdienst“, poŝtĉeka konto V 9672 Basel (Svislando). — La modesta broŝuro meritas grandan disvastiĝon pro sia spirito. La „Libervola Helpservo“ volas semi senton al internacia helpo reciproka, mem komencante okaze de naturkatastrofoj. Entenas la broŝuro artikolojn (en franca, germana, angla, dana, ĉeĥa lingvoj) pri la spirito de la servo kaj la tagoj dum la Liĥtenstejna laboro. La resumojn Esperantajn prizorgis Rob. Kreuz, Ĝenevo.

*

L i t t é r a t u r e e n f a n t i n e e t c o l l a b o r a t i o n i n t e r n a t i o n a l e. Rapport et liste de livres. (Literaturo porinfana kaj internacia kunlaboro. Raporto kaj listo de libroj. Publikigis la internacia oficejo por eduko, Ĝenevo 1929.) — La broŝuro aperis nur en franca kaj angla lingvoj. En malgranda artikolo Bovet skizas la taskon de la enketo. Blanche Weber raportas pri la enketo mem. Malmultaj paĝoj reprezentas grandegan laboron. Tre bone oni konatiĝas kun la laborantoj pri porinfana literaturo en la diversaj landoj. La listo entenas ĉirkaŭ 900 librojn el la eŭropaj landoj kun Sovetio kaj Ukrainio, el Unuigitaj Ŝtatoj de Nord-Ameriko kaj Japanujo. Valora ankaŭ estas kolekto de libroj pri literaturo porinfana (en la ĉefaj eŭropaj lingvoj).

---

## Korektindaĵo.

Mia artikolo pri „Nova prezidanto por TAGE“ en n-roj 2/3 1930 bedaŭrinde enhavas eraron. En ĝi estas dirite, ke sinjoro lernejestro Haubold, Riesa, estas „gasto“ de la „Laborkomisiono por TAGE“. Li jam de la komenco de nia laboro estas oficiala membro kaj ne nur gasto. Bonvolu korekti la eraron.

D-ro Dietterle.

---

## Korespondo-Oficejo.

En niaj „Listoj de la korespondantoj“ mi povas aperigi la nomojn de novaj korespondantoj nur laŭ la aranĝoj de presado kaj kompostado. Do, tiuj, kies nomojn ni ricevis post la komenco de l' kompostado de nova listo, devas pacienci ĝis la apero de la postvenonta listo.

Martha Moelke.

## Universala Esperanto-Asocio

**celas:**

*Disvastigi* la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto.

*Plifaciligi* la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo.

*Krei* internaciajn servojn uzeblajn de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limojn de ilia gento aŭ lingva teritorio.

*Kreskigi* inter siaj membroj fortikan ligilon de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon por fremdaj popoloj.

La Asocio estas neŭtrala rilate al religio, nacieco aŭ politiko.

**donas:**

*Al la membroj:* Membrokarton kaj kvarcentokdekpaĝan Jarlibron kun la adresoj de la Delegitoj, Esperantistaj grupoj, gazetoj, organizaĵoj, kun sciigoj pri internaciaj rilatoj ktp.

*Al la Membro-Abonantoj:* Krom tio la gazeton „Esperanto", internacia ĉeforgano de la Esperantistoj, kun artikoloj literaturaj, sciencaj, teknikaj kaj precizaj informoj pri la movado.

*Al la Subtenantoj:* Krom ĉiuj dokumentoj, kiujn ricevas Membro-Abonanto, premion konsistantan el la Esperanto-literaturo.

Ĉiu aliĝinto rajtas presigi senpage korespondan anoncetom unufoje en la gazeto „Esperanto".

**kaj postulas nur modestan kotizon**

de 5 Fr. por Membro, de 12,50 Fr. por Membro-Abonanto kaj de 25 Fr. aviza valoro por Membro-Subtenanto.

**Universala Esperanto-Asocio**
**1 Tour de l'Ile, Genève (Svislando)**

# Bonvolu skribi nur

pri aferoj de redakto
**al la Redaktejo,**

pri aferoj de abono, anonco kaj mono
**al la Administrejo,**

pri aferoj de informo
**al la Sekretariejo,**

pri aferoj de TAGE-organizo
**al la Prezidanto!**

# Bone

kreskas nia abonantaro, sed

# Malbone

scias la abonantoj sendi la kotizon

**preciztempe!**

Se vi ankoraŭ NE sendis ĝin, tuj bonvolu pagi ĝin al via landa agento aŭ al la administrejo:
Karl Kröber, Riesa, Weststr. 4.
Poŝtĉekkonto: Dresden 110715

Preso: Heroldo de Esperanto, Köln, Brüsseler Str. 94, Germ.